# PENSEO

N-ro 245

mar. / 2012

Monata Beletra Revueto en Esperanto

Honorita de Premio Grabowski, 1994

Fondita en 1990; Enretigita en 1997 la 23-a jaro http://www.elerno.cn/penseo/penlisto.htm


## Anteo (Ĉinio)



### degenero

ĉiuj imperiestroj vekiĝas el tomboj.
studentinoj volas iĝi
iliaj feniksoj aŭ paseroj.
la karno pli valoras ol la cerbo.
litoj el oro kaj pugnaro
estas palacoj kreantaj diojn.
la sceptro pesilon klinitan
anstataŭigas per kompaso.
en la direkto jam drinkinta
savitoj akuzas savintojn
pri akcidentoj kaj tertremoj.
spektante homfaritajn katastrofojn,
gebestoj rondan vojon prenas.
infano estis renversita
de aŭto kaj ankaŭ
ties sekvanto fuĝis for - de sur ŝi.
dekoj da rigardantoj aprezis la scenon,
kun la manoj en la poŝoj de la pantalono.
la radoj kun la sango burĝona
flugis en la sinon de hudhao.
laozi kaj zhuangzi ridas sur lotuso blanka.
lasu la nigron kovri la sunon!
aviadilŝipoj estas lunoj kukaj.
invitu en viajn hejmegojn murdintojn
por ke tiuj ĉi instruu vin buĉadi viajn filojn
ĉar ili donacis morton al viaj gepatroj
piaj



## Cindy Mckee (Usono)



### Fuŝestaĵo

Kara fuŝestaĵo,
Viktimo de emocioj,
viaj vundoj sangas en diverskoloroj,
en rojoj al via grundo.
Kie sango nutras florojn.

Viktimo de la kapo,
sendu bondezirojn al la mondo,
ĉar vi ne vere ĉeestas.
Vi nur enestas,
skribante ke vi estas.

Revenu al via grundo.
Floroj estas.



### Biografio de mensogo

Dornoj edukis min
dum petaloj forfalis.
"Atendu la sunon."
Flustris nekonato.
La leviĝanta suno anoncis subiron.
Nane mi protestis: Ne normalas, tio!
Radioj respondis: Vi ne konas normalecon.
Normala vi neniam estos.
Kaj la suno, gaja kaj bunta, ripetis kion mi protestis.
Hieraŭ, hodiaŭ kaj --

Morgaŭos mistifika tago, do.
Do ek al Oklahomo.
Kie mi bruligas radiojn de morgaŭo.

Sen posedaĵoj miaj, sufiĉas ke mi ne posedas vian biografion.



## Polvo en danco

Estas tro en ĉiu momento.
Mi neniam tuŝos sufiĉe, rigardos, aŭdos aŭ gustumos sufiĉe.
Kaj dronante en momento, momento leviĝas.
La muro teksturas kiel veluro dum vi parolas, ĉu vi scias?
Suno dancigas polvon kaj ie muziko.
Momento leviĝas.
Kaj momento leviĝas.



### Lenke (Rumanujo)



## Atendu nur...

Ne strebu ĝin meriti,
ne provu ĝin akiri -
La amo
estas donaco
kaj dia graco.

Nur atendu,
ke ĝi alvenu -
La koron vi malfermu
kaj atendu,
nur atendu...

Ne volu ĝin akiri,
ne strebu ĝin meriti,
ĉar estas dia graco,
se trovas vin - la Amo.

## Ruĝaj beroj

Neĝkampo blankas, vintra vento muĝas,
Sed beroj de sovaĝa rozo ruĝas.
Eĉ se la vivo ŝajnas nun dezerto,
Atendas nin foj-foje bela sperto.



### Guozhu (Ĉinujo)



## Wang Luobin

Wang Luobin en la okcidento
Majstre kantas pri la knabino
malproksima kun rev' sen fino,
dum lante leviĝas krescento.

Verŝiĝas la luna arĝento
al tendo kun sorĉa fascino.
Wang Luobin en la okcidento
Majstre kantas pri la knabino
Klasike kantikas amsento
pri levo de ruĝa muslino.
Nomas lin reĝo laŭ destino
ĉiuj en komuna konsento.

Wang Luobin en la okcidento.

2012-02-02

## <K, la arto de amo>

El plumo de Hong Ying aperis
roman' pri la Angla Amato.

Tajdojn da ŝato kaj malŝato
famon kaj fifamon konkeris.

Julian jun-vivon oferis,
kaj Lin ankaŭ mortis pro fato.
El plumo de Hong Ying aperis
roman' pri la Angla Amato.

La paro intime amkveris
en Wuhan-Universitato.
Nun dudekkvin-lingva sonato,
pri kiu ni inde fieras,

pro verko de Hong Ying aperis...

2012-02-14

**Trioleto**

Mi sendas en Tag’ Valentena
al vi gratulan bondeziron.
Poemon kun saluto bena
mi sendas en Tag’ Valentena.
Etoso romantiko plena
reprezentas mian sopiron.
Mi sendas en Tag’ Valentena
al vi gratulan bondeziron.

2012-02-14

## Li Yuping (Ĉinujo)



**Trioleto**

Pro karto en Tag’ Valentena
koran dankon al vi mi diras.
Bedaŭre sen poemo bena
vin danki en Tag' Valentena.
Ĉie fonas bril' aromplena,
pri kara amiko sopiras.
Pro karto en Tag' Valentena
koran dankon al vi mi diras.

## Cindy Mckee (Usono)

**Trioleto**

Dum la tago de la koroj
ni estas malkaŝitaj
brulaj adoroj kaj amoroj.
Dum la tago de la koroj
en flam- kaj kor-ruĝaj koloroj
amparolas ni elpaŝitaj.
Dum la tago de la koroj
ni estas malkaŝitaj.

## Mori (Usono)



**LUPO kaj HOMO**

1.

Lupo
disŝiras ŝafon
laŭ
NATURO
*
Homo
murdas hom-fraton
laŭ
KULTURO.

2.

Lupo
la plej sovaĝa
estas
homo-vizaĝa.

3.

Homo
pli kruelas ol
lupo
kaj pli ruzas ol
vulpo.

4.

Homo
estas pacama
laŭ
NATURO,
fariĝas batalema
laŭ
KULTURO.



## Leieladonna (Meksikio)



### Al la Kara Patrino de Antonio...

Ĵaŭde, nokte... dum vi dormis...
vojaĝis serĉante stelon...
nun vi prenos iun el ili...
la plej bela por vi..
kaj ankoraŭ vi elektas...
libere...feliĉe...
kie iri...
Vi trovos amon; Vian edzon...
kiu jarojn antaŭe forlasis vin...
same... kiel vi nun...
forlasas viajn amojn
tiuj...viaj filoj...
kiuj nun ploras kaj plendas pri vi
amataj de vi, kaj vi amata de ili.
Nun ili lernas amadon al Dio...
ĉar la plej bela donaco de la ĉielo...
Estas dormi kaj tiele sensufere...
preni tiun stelon, neatingeblan por vi...
ĝis nun...

**Kara Antonio: Tiele mi montras al vi amon kaj amikecon. Dio benu vin ĉiujn.*

## Roland Platteau (Francujo)



### Post unu monato

Kaj mal-
supren tiu hontindaĵo venas.
Kaj mal-
supren tiun hontindaĵon flegas
mi.
Kaj mal-
supren ankaŭ velkas
mi.
Kaj mal-
supren via korpo iris
al tiu cinika marmor'.
Kaj mal-
supren oni ĝin movis ;
okuloj turnis sin for.

Kaj nur honto
restas, kiam larmo
sekas.
Kaj nepre tempo
pliiĝos ĝis jaro.
Vanas.

4/3/2002

## Paŭlo Silas (Brazilo)



### VIVAĴOJ KAJ LA MORTO

Flugilbatadoj similsonaj al frotado
De socimomentoj.
Konsentoĉenoj senpersonaj sur la strato
De homar-pretendoj.
Sen limigo flugas ili en la vaston,
Senmezure enkatenas ili l' arton.

Aersopiroj penspovantaj pri morgaŭo,
Pri detru-ebleco.
Maŝinkomprenoj antaŭvidas korpamason:
Supermensa streĉo.
Frukapabloj povas pensi pri frakaso,
Plejmoderne sin detruas homa raso.

Tombejmemor' suprenĵetita vivoflanken,
Alimondaj fajfoj.
Junplena stat' antaŭenmarŝas vivomanken,
Tragediaj trajtoj.
Se,post elvelko korpa, restas la ideo;
Ĝi batalados por postvivi la pereon.

## Stanislaw Rynduch(Germanujo)



### FEBRUARAJ KONSILOJ

Varmajn botojn en februaro,
de vestaĵo la anaro,
vestu ankaŭ ŝalon, ĉapon
por ne perdi tutan kapon.

Tre malvarme, tre malvarme
en naturo tamen ĉarme.
Varmajn pensojn al vi faru,
varman vinon kulinaru.

Estas alia propono,
kiel varmi sin sen mono;
aman ludu la hormonon,
amu kune sen ŝablono.

Lasu sangon iom boli
kun amata am´frivoli.
Tuj malvarmon vi forgesos,
ESTIS BONE VI KONFESOS!

Nun radias hejme varmo,
kvazaŭ senĉese en darmo,
tiel kontente vivantaj ,
la printempon atendantaj.

*Februare, 2012*

## Cecilia Meireles (1901-1964)



### Virino antaŭ spegulo

Hodiaŭ, ĉu tiel, iu alia,
mi estu, nu tio estas sen grav'.
Nur bela mi aspektu, kaj ne plia,
ĉar je mort' al neniu estas sav'.

Mi jam iĝis blonda, jam estis bruna,
estis Margerita, kaj Beatric'.
Al Maria kaj Magdalena una
iĝis. Nur mem esti estis ne lic'.

Kia noc' estas ŝanĝ' de harkoloro,
kaj alieciĝ' de mia vizaĝ'
se de la mondo la tuta doloro
vundas sen eĉ etŝajno de damaĝ'?

Ekstere nu mi iru laŭ la volo
de la modo, kiu mortigas min.
Ĉi ulo jam sen haŭto, sen parolo
je dispono de ia ajn destin'.

Oj, tiu kun sekiĝintaj okuloj,
brakoj, kaj sen plu vivoalibi',
estas mortonto plene sen makuloj,
kiu nepre ja parolos kun Di'.

Parolos, kaj sub kia lumoŝpruco,
de l' hararanĝo al pied-artik'.
Ĉar iuj velkiĝas sur sia kruco,
aliaj antaŭ spegul-artifik'.

* *Cecília Benevides de Carvalho Meireles (Rio-de-Ĵanejro RJ: nov 7-an 1901 - nov 9-an 1964) estis poeto, instruisto, ĵurnalisto kaj pentristo. Oni konsideras ŝin unu el la plej gravaj lirikaj voĉoj kadre de portugallingvaj literaturoj.*

*Tradukis*



**Ŭel (Brazilo)**



## Luis Gómez Escolar

### Ea

Pasos for la horoj,
la tagoj svenos,
kaj sopiros mia kor'
al la tempo apud vi.

Helpe de memoroj
mi vin retenos.
Mialange sen pudor'
vian guston revos mi

Ha, kaj ĝis vi revenos
ha, garde mi plu tenos
ha, mian vivon nur por vi.

ea, ea, eeeea, aj aj
aj aj aj ea
ea, ea, eeeea, aj aj
aj aj aj ea

Kantu al mi ajnon
laŭ via sento,
kaj mi plu atendos vin,
ĝis la fino de la tempo.

Vin mi sonĝos febre
ĉe l' frumateno,
kaj parolos mi pri vi,
kara, ĉiam nur pri vi.

Ha, kaj ĝis vi revenos
ha, garde mi plu tenos
ha, mian vivon nur por vi.

ea, ea, eeeea, aj aj
aj aj aj ea
ea, ea, eeeea, aj aj
aj aj aj ea

Mi estas mar',
vi onda movo,
kiun tajde pelas via koro.

*Originala titolo: Ea*
*Muziko: Diana Navarro, Chico Valdivia, Manuel Illán*
*Teksto: Luis Gómez Escolar*
Tradukis



**Svena Dun (Hispanujo)**

## Julius Balbin

# NIA SOLA POSEDAĴO

En la getto
kie ankoraŭ
estis eble
amori
mi renkontis ŝin.
Ni ambaŭ havis dekses jarojn
kaj hontis
pri niaj nudaj korpoj.
Tenante nin per la manoj
ni timeme ĉirkaŭbrakis.

En la koncentrejo
ni estis apartigitaj
per la pikdratoj
sed nia ardo
ignoris barierojn.

La serĉlumoj
de la gardoturoj
spionis la mallumon
kiam mi rampis
al la virinaj barakoj
sub la dratoj
kaj tordiĝis
inter vivo kaj morto

Mi atingis la pordon
malfermis ĝin
kaj ŝtele englitis
ĝis kie la flustro de mia amata
gvidis min al la plej supra priĉo
kie ŝi atendis nuda.
La koŝmaron de la realo
englutis
la abismo
de nia ĉirkaŭbrako
kaj ni soris
al la alto
de ĉio homa
penetrante unu la alian.

La virinoj ĉirkaŭ ni
dormis suspirante aŭ ronkante

dum ni estis transe de ĉio

bridante niajn pasiojn
aŭ silentigante niajn ĝemojn.
Ni koitis
en la febro kian niaj korpoj
neniam konis.
Ni posedis nenion
krom unu la alian.
Dividante tiujn momentojn
ni moviĝis kun la ritmo
de la luno kaj la steloj
kiuj brilis super ni
eterne.

*esperantigis*



**Jozefo E. Nagy (Rumanujo)**

## Wisława Szymborska (1923-2012)



## Mikrokosmo

Kiam oni komencis uzi mikroskopon
ekblovis teruro kaj ĝis nun ĝi blovas.
La vivo ĝis tiam sufiĉe frenezis
en siaj formoj kaj dimensioj.
Ĝi ja kreadis minusklajn estaĵojn,
iajn muŝetojn, vermetojn,
sed almenaŭ nud-okule
ilin eblis vidi.

Kaj subite, sub vitreto
tut-diversaj, tut-troige
sensignifaj,
ke eĉ la spacon de ili okupitan
nur pro kompato eblas nomi – loko.

La vitret' eĉ ilin ne kunpremas,
sub ĝi ili multobliĝas senobstakle
tut-pelmele kaj hazarde.
Diri, ke ili multas – ne multe dirite.

Ju pli forta mikroskopo,
des pli fervora, pli ekzakta multipliko.

Ili eĉ ne havas dignan intestaron,
ne scias pri sekso, infanaĝ', maljuneco.
Eble eĉ ne scias pri propra ekzisto
Ili tamen decidas pri nia viv' kaj nia mort'

Kelkiuj rigidiĝas en momenta senmovo,
kvankam ne konatas ilia momento.
Se ili tiel etas,
verŝajne eĉ daŭro
estas por ili laŭmezure eta.

Alblovita pulver' ja por ili aerolito
el profunda kosmo
kaj fingrospuro – vasta labirinto,
kie ili povas kuniĝi
por siaj silentaj paradoj
siaj blindaj iliadoj kaj panikadoj.

Jam de longe mi volis pri ili skribi,
sed malfacilas la temo,
daŭre prokrastigata
kaj certe digna pli bonan poeton,
pli ol mi pri la mondo mirantan
Sed urĝas la tempo. Mi skribas.

*Esperantigis el pola*



**Helena Tylipska (Italujo)**

## Ĉineske

## Vejdo (Ĉinujo)



## Amatino en la koro

okaze de Valentena Tago 2012
——laŭ ĉineska skemo Shengshengman*
en mia kor'

vi amatin'
min amas kun fervor'
sincere dum jaroj
sed sen amor'
sen intimaj tuŝoj
ni kveras
en ĉiu hor'
vi ĉarma
kreitaĵ'
jen de Dia favor'

kun ardanta ador'
mi flegas
vin nure en memor'
vin sekrete
kaŝas, mia trezor'
ja en mian sinon
eterne
vi freŝa flor'
tenu vin
plezura en bonhumor'

## Lily (Ĉinujo)

### Flava rozo

—laŭ ĉineska skemo Shengshengman*

kun morna kor'
flavan rozon
je Valentena hor'
mi al vi prezentas
en trista plor'
vian foriron mi
ne volas
sed per ignor'
okula
vi celas
al alia sinjor'

jen en flava rozflor'
vizie
nia dolĉa amor'
voluptema
mia mania bor'
vivece aperas
bedaŭre
nun kun rankor'
adiaŭ
mi diru al vi en for'

**Shengshengman (lanta sontreniĝo): ĉina fiksforma poemo el du strofoj kun 11 kaj 10 versoj respektive de 4,46,64,634,336 / 6,36,46,634,37 silaboj, laŭ rimaranĝo a,xa,xa,xxa,xxa / a,xa,xa,xxa,xa (x = senrima)*



## Niuniu (Ĉinujo)

### Neĝo en nordo

—lai ĉineska skemo Pusaman*

neĝo sana kaj pura
en nordlando natura
kuŝas kviete
blanke kokete

kun fajna mildo
de kreta bildo
kun voĉa softo
de paŝa ofto

**Pusaman (budhista dancisto): ĉina fiksforma poemo el du strofoj kun po 4 versoj de 7,7;5,5; / 5,5;5,5 silaboj kun para rimo*

### Densa nebulo en Pekino

—laŭ ĉineska skemo Tasuoxing*

Ĉe mateno
jam nebulo
densa en disflos-rulo
ŝlosas la urbon blanke.
Ĉio en bruma lulo.

Aŭtoj iras
kun skrupulo.
Pro maltrankvila brulo
pasantoj palpas blinde
en l’ izola insulo.

**Tasuoxing (paŝo sur herbo): ĉina fiksforma poemo el du strofoj kun po 5 versoj de 44,7,77 silaboj, laŭ rimaranĝo de xa,a,xa (x=senrima)*



## Maupassant (1850-1893)



# UNU NORMANDO

*al Paul Alexis [Paŭlo Aleksi]*

Ni ĵus eliris el Rueno, kaj ni grandtrote veturis sur la vojo de Jumièges [Ĵumieĵ']. La malpeza veturilo rapidis tra la herbejoj; poste la ĉevalo ekpaŝadis por supreniri la deklivon de Canteleu [Kañtëlë].

Tio estas unu el la plej grandiozaj horizontoj, kiuj estas en la mondo. Malantaŭ ni Rueno, la urbo al la preĝejoj, al la gotikaj sonorilturoj, prilaboritaj kiel eburaj bagatelaĵoj; aliflanke Saint-Sever [Sankta-Sëver], la antaŭurbo al la manufakturoj, kiu starigas siajn mil fumantajn kamentubojn al la granda ĉielo fronte al la mil malprofanaj sonorilturetoj de la malnova urbo.

Tie ĉi la spajro de la katedralo, la plej alta pinto de la homaj monumentoj, kaj tie for, la "Fajropumpilo" de la "Foudre" [Fulmo]*, ĝia konkuranto preskaŭ tiel supermezura, kaj kiu superas je unu metro la plej gigantan piramidon de Egiptio.

Antaŭ ni Sejno disvolviĝis, ondomova, semita de insuloj, dekstre bordita de blankaj klifoj, kiujn kronis arbaro, maldekstre vastegaj herbejoj, kiujn limigitas alia arbaro, tie for, tute tie for.

De loko al loko, grandaj ŝipoj staris ĉe la ankro laŭlonge de la bordoj de la larĝa rivero. Tri grandegaj vaporboatoj unuvice foriris al Havro, kaj ĉeno da ŝipoj, formita de unu trimastulo, du goeletoj kaj unu brigo almonte iris al Rueno, trenata per malgranda trenŝipo, kiu vomis nubon de nigra fumo.

Mia akompananto, naskinĝinta en la lando, ne eĉ rigardis tiun mirigan pejzaĝon; sed li senĉese ridetis; li ŝajnis ridi en si mem. Subite, li eksplodis: "Ha! vi tuj vidos gajigan aĵon, la kapelon al la ulĉjo Mateo. Tio estas frandaĵo, mia bonulo."

Mi rigardis al li per mirigita okulo. Li reparolis:

– Mi tuj flarigos al vi Normandan aromon, kiu restos en via nazo. La ulĉjo Mateo estas la plej bela Normando de la provinco, kaj lia kapelo unu el la mondaj mirindaĵoj, nek pli nek malpli; sed unue mi tuj donos al vi kelkajn klarigovortojn.

La ulĉjo Mateo, kiun oni ankaŭ nomas la ulĉjon "La Drinkado", estas eks-ĉefserĝento, kiu revenis en sian naskan landon. Li admirinde kunigas samproporcie, por fari perfektan tutaĵon, la petolecon de la malnova soldato al la ruza maliceto de la Normando. Reveninte al la lando, li fariĝis, dank'al oblaj protektoj kaj neverŝajnaj lertaĵoj, gardisto de mirakla kapelo, kapelo protektata de la Sankta Virgulino, kaj ĉefe vizitata de la gravedaj fraŭlinoj. Li baptis ĝian mirindan statuon: "Nia Damo de la Dika-Ventro", kaj li traktas ĝin kun ia spitema familiareco, kiu tute ne malebligas la respekton. Li mem verkis, kaj presigis, specialan preĝon por sia BONA VIRGULINO. Tiu preĝo estas ĉefverko de nevola ironio, de normanda spriteco, en kiu la

mokado miksiĝas al la timo de la SANKTAĴO, al la superstiĉa timo de la sekreta influo de io. Li ne tre kredas al sia patronino, tamen li iom kredas al ŝi, pro singardo, kaj li domaĝas ŝin, por la bono de sia afero.

Jen la komenciĝo de tiu mirinda preĝo: "Nia bona sinjorino la Virgulino Maria, natura patronino de la fraŭlinaj patrinoj en tiu lando, kaj tra la tuta tero, protektu vian servistinon, kiu malĉastis dum momento de forgeso."

Tiu favorpeta preĝo finiĝas tiamaniere: "Ĉefe ne forgesu min apud via sankta Edzo, kaj propetu Dion la Patro, por ke li donacu al mi bonan edzon, similan al la via."

Tiu preĝo, malpermesata de la klerikaro de la regiono, estas kaŝe vendata de li, kaj estas rigardata, kiel bonfara por tiuj, kiuj recitas ĝin kun pia afekteco.

Sume, li parolas pri la bona Virgulino, kiel faris lia mastro, la ĉambristo de timegita princo, konfidenculo de ĉiuj malgrandaj intimaj sekretoj. Li scias pri ŝi amason da amuzaj rakontoj, kiujn li mallaŭte diras, inter amikoj, post drinkadinte.

Sed vi ja vidos mem.

Ĉar la enspezoj provizataj de la Patronino ŝajnis al li nesufiĉaj, li aneksis al la Virgulino etan komercon de Sanktuloj. Ĉiujn li havas aŭ preskaŭ ĉiujn. Sed ĉar en la kapelo la loko mankis, li staplis ilin en la ŝtipejo, de kie li eliras ilin tuj kiam fidelulo demandas ilin. Li mem ĉirkaŭĉizis tiujn statuetojn el ligno, neverŝajne komikajn, kaj farbis ĉiujn per verda plenkoloro, iun jaron, kiam oni kalkoŝmiris lian domon. Vi scias, ke la Sanktuloj kuracas la malsanojn, sed ĉiu posedas sian specialaĵon; kaj necesas, nek interkonfuziĝi, nek erari. Ili ĵaluzas unu kontraŭ la alia, kiel aktoraĉuloj.

Por ne erari, la maljunaj virinoj konsultas Mateon:

– Por la oreldoloroj, kiu sanktulo estas la plej bona?

– Sed estas sankta Ozimo, kiu estas bona; ankaŭ estas sankta Pamfilo, kiu ne estas malbona.

Tio ne estas la tuto.

Ĉar Mateo havas tempon pli ol necese, li drinkadas, sed li drinkas kiel artisto, kiel ulo konvinkita, tiel bone, ke li estas regule ebria ĉiuvespere. Li estas ebria, sed tion li scias; li tiel bone scias tion, ke ĉiutage li notas la ekzaktan gradon de sia ebrieco. Tio estas cetere lia ĉefa okupado; la kapelo estas nur la dua.

Kaj li inventis, – bone aŭskultu, kaj alkrampiĝu –, li inventis la ebriometron.
La ilo ne ekzistas, sed la observoj de Mateo estas tiel precizaj, kiel tiuj de matematikisto.
Vi aŭdas lin senĉese diri: "De post lundo, mi preterpasis kvardek kvin."

Aŭ: "Mi estis inter kvindek du kaj kvindek ok."

Aŭ ankoraŭ: "Mi ja englutis inter sesdek ses kaj sepdek."

Aŭ iafoje: "Ega fripono, mi ja kredis min ĉirkaŭ en la kvindeko, kiam mi ekkonsciis, ke mi estis ĉirkaŭ sepdek kvin!"

Neniam li eraras.

Li asertas, ke neniam li atingis la metron, sed ĉar ankaŭ li konfesas, ke liaj observoj ĉesas esti precizaj, kiam li preterpasis naŭdek, ni ne povas plene fidi nin al lia aserto.

Kiam Mateo konfesas esti preterpasinta naŭdek, estu trankvila, li estas fiere brave ebriega.

Sub tiuj cirkonstancoj, lia edzino, Melia, iu alia mirindaĵo, freneze ekkoleras. Ŝi, starigita sur sia pordo, atendas lin, kaj kiam li eniras, ŝi hurlas: "Jen vi, aĉulo, porkulo, speco de drinkulego!"

Tiam Mateo, kiu ne ridas plu, fiere ekstaras fronte al ŝi, kaj per severa tono deklaras: "Silentu, Melia, ne estas la momento por babili. Atendu morgaŭ."

Se ŝi daŭrigas kolere kriadi, li alpaŝas, kaj kun tremanta voĉo li diras: "Ne plu bleku, mi estas ĉirkaŭ naŭdek, mi ne plu mezuras; mi tuj

frapos, estu singardema!"

Tiam, Melia retretas.

La postan tagon, se ŝi volas rediskuti pri la afero, mokante ŝin li respondas: "Ek! Nu! Sufiĉas, tio estas finita. Tiel longe, kiam mi ne atingus la metron, ne gravas. Sed se mi preterpasos la metron, mi permesos al vi, ke vi draŝu min, pri tio mi ĵuras!"

Ni ĵus atingis la supron de la suprenirejo. La vojo enprofundiĝis en la admirindan arbaron de Roumare [Rumar'].

La aŭtuno, la mirinda aŭtuno, miksis siajn oran kaj purpuran kolorojn al la lastaj verdaĵoj restantaj vivaj, kvazaŭ gutoj de fandita suno fluus de la ĉielo en la densecon de la arbaretoj. Ni trapasis Duclair [Dükler]; poste, anstataŭ daŭrigi al Jumièges, mia amiko turniris maldekstre, kaj uzante transversan vojon, enprofundiĝis en la arbetan densejon.

Kaj baldaŭ, ĉe la kulmino de granda suprenirejo, denove ni malkovris la grandiozan valon de Sejno, kaj la malrektan riveron, kiu kuŝiĝis al niaj piedoj.

Dekstre, tute malgranda konstruaĵo, kovrita per ardezoj, kaj superelstarita per sonorilturo, alta kvazaŭ ombrelo, apogis sin kontraŭ beleta domo, kun verdaj persienoj, tute vestita per loniceroj kaj rozarbetoj.

Forta voĉo kriis: "Jen amikoj!" Kaj Mateo aperis sur la sojlo. Li estis sesdekjaraĝa viro, maldika, kun kaprobarbo, kaj longaj blankaj lipharoj.

Mia akompananto etendis la manon por manpremo, prezentis min, kaj Mateo enirigis nin en freŝan kuirejon, kiu ankaŭ servis al li kiel salono. Li diris:

– Vidu, Sinjoro, mi ne havas eminentan loĝejon. Mi ja ŝatas, kiam mi ne tro malproksimas de la stufaĵo. La kaseroloj, vidas vi, neniam ili diskrete malkuniĝas.

Poste, sin turnante al mia amiko:

– Kial vi venis ĵaŭdon? Vi ja scias, ke estas la tago, kiam oni konsultas mian Patroninon. Ĉivespere, mi ne povas eliri.

Kaj, kurante al la pordo, li eligis teruran muĝadon: "Meli-a-a!", kiu devis levigi la kapon al la matrosoj de la ŝipoj, kiuj alvale aŭ almonte navigis sur la rivero, tie for, tute funde de la kava valo.

Melia tute ne respondis.

Tiam Mateo palpebrumis kun petoleco.

– Ŝi ne estas kontenta pri mi, vi vidas, ĉar hieraŭ mi troviĝis ĉirkaŭ naŭdek.

Mia najbaro ekridis:

– Ĉirkaŭ naŭdek, Mateo! Kiel vi faris tion?

Mateo respondis:

– Tion mi tuj diros al vi. La pasantan jaron, mi trovis nur dek hektolitrojn da abrikotopomoj, nun ne estas plu; sed por fari cidron, estas nur tio. Do per ili, mi faris cidran barelegon, kiun hieraŭ mi spilis. Por esti nektaro, tio estas nektaro, tion vi certe tuj aprecos. Polito ĉeestis; ni ektrinkis glason da cidro, kaj poste ankoraŭ alian glason, ne sensoifigante nin (ni trinkus tion ĝis morgaŭ), tiel, ke glason post glaso, mi sentis kiel freŝecon en mia stomako. Mi diris al Piloto: "Se ni tuj trinkos glaseton da supera pombrando, por ke ni revarmiĝu!" Li konsentis. Sed la pombrando, tio bruligas al vi la korpon, tiel ke necesis, ke ni retrinku cidron. Sed jen, varmecon post freŝeco, kaj freŝecon post varmeco, mi rimarkis, ke mi estis ĉirkaŭ naŭdek. Pri Polito, li ne estis fore de la metro.

La pordo malfermiĝis. Melia aperis, kaj tuj antaŭ ŝi salutis nin: "…Porkulego, vi ambaŭ ja atingis la metron."

Tiam Mateo ekkoleris: "Tion ne diru, Melia, ne diru tion, mi neniam atingis la metron."

Oni servis al ni bongustegan meztagmanĝon, antaŭ la pordo, sub du tilioj, apud la malgranda kapelo "Nia Damo de la Dika-Ventro", kaj vidalvide al la grandega pejzaĝo. Kaj Mateo rakontis al ni, kun mokado miksata al neatendita kredemo, neverŝajnajn rakontojn pri mirakloj.

Ni multe trinkis adorindan cidron, pikantan kaj sukeran, freŝan kaj ebriigantan, kiun Mateo preferis al ĉiuj trinkaĵoj, kaj ni fumis niajn pipojn, rajde sidantaj sur niaj sieĝoj, kiam du ulinoj sin prezentis.

Ili estis maljunaj, maldikiĝintaj, kurbiĝintaj. Post salutinte, ili demandis Sanktan Blankon. Mateo palpebrumis al ni, kaj respondis:

– Tion mi tuj donos al vi.

Kaj li malaperis en sian ŝtipejon.

Li restadis tie dum almenaŭ kvin minutoj, kaj revenis kun la vizaĝo konsternata. Li ĉielen levis la brakojn:

– Mi ne scias kie li estas, mi ne plu trovas lin, tamen mi estas certa, ke mi havas lin.

Tiam, farante per siaj manoj voĉtubon, li denove muĝadis: "Meli-a-a!" El fondo de la korto, lia edzino respondis:

– Kio estas?

– Kie estas sankta Blanko? Mi ne plu trovas lin en la ŝtipejo.

Tiam, Melia elĵetis tiun klarigon:

– Ĉu tiu ĉi ne estus tiu, kiun vi prenis antaŭ kelkaj semajnoj, por ŝtopi la truon de la kuniklokabano?

Mateo ektremis:

– "Fulmotondro! Tio ja povas esti!"
Tiam li diris al la virinoj: "Sekvu min."
Ili sekvis lin. Ni same faris, preskaŭ malsanaj, pro niaj ridoj mastrataj.

Efektive, sankta Blanko, entere plantita kiel simpla paliso, makulita per koto kaj malpuraĵoj, utilis kiel angulo de la kuniklokabano.

Tuj kiam ili ekvidis lin, ambaŭ ulinoj surgenuen falis, sin krucosignis, kaj ekmurmuris oremusojn. Sed Mateo sin pelis: "Atendu, jen nun vi estas en la fekaĵo; mi tuj donos al vi pajlofaskon."

Li iris serĉi la pajlon, kaj faris per ĝi preĝoseĝon. Poste, rigardante sian ŝliman sanktulon, kaj sendube timante diskretiton pri sia komerco, li aldiris:

– Mi tuj iom malŝmiros lin.

Tiam li ekprenis sitelon da akvo, broson, kaj vigle eklavis la ulon el ligno, dum la du maljunulinoj ĉiam preĝadis.

Poste, kiam li finis, li aldiris: "Nun, ne plu estas domaĝo." Kaj li rekondukis nin, por ke ni denove trinku glason.

Dum li alportis la glason ĉe la buŝo, li haltis, kaj kun mieno iom konfuza: "Tio egalas, kiam mi metis sanktan Blankon kun la kunikloj, mi ja kredis, ke li ne gajnigus plu monon al mi. Jam de antaŭ du jaroj, ke oni ne plu demandis lin. Sed kun la sanktuloj, vi vidas, tio neniam finiĝas."

Li trinkis kaj reparolis:

– Nu! Ni trinku ankoraŭ. Kun amikoj, necesas atingi almenaŭ la dekkvinon, kaj nun ni estas nur je tridek ok.

*Je la 10a de oktobro 1882*

**Fonto Vikipedio: La "Foudre" estis ŝpinejo, konstruita en 1846 kaj 1847. Laborigante ĉirkaû 700 laboristojn, ĝi estis je la fino de XIXa jarcento kaj la komenco de la XXa, la plej grava ŝpinejo de la regiono. Trafito de la granda depresio de 1929, la fabriko ĉesis sian produktadon en 1932. Poste, ĝi estis utiligita kiel kazerno. Nuntempe ĝi estas renovigata por akcepti poluson de entreprenoj deĉidataj al la teknologioj pri la Informado kaj la Komunikado (Seine Innpolis -2012-)*

*Elfrancigis*

**Noël Lecomte**

**(Franujo)**

_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_

Eldonas Redakcio de ***Penseo***
Ĉefredaktoro: s-ro Yida Wei (Vejdo)
Adreso: No.-3-2 de la 5-a etaĝdomo
de No. 19, Wujiang St., Jiangbei Distrikto,
Chongqing, 400020, Ĉinio
Tel: (023) 67095890 (hejme)
Retadreso: vejdo@163.com
Ĉiujn kontribuaĵojn al la ĉefredaktoro.
Por legi pasintajn numerojn de Penseo, vin turnu al www.elerno.cn/penlisto.htm aŭ
http://gazetejo.org/eo/penseo

◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊